17-a jaro. N-ro 7 (191) Decembro 1931




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

---

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO**

---

**Jara kotizo kun abono : Fr. 30,- — Eksterlando : Belgoj 6,-**

---

ANTVERPENO

1931

# - - - KRISTNASKO - - -

# - NOVJARO -

AĈETU LA PLEJ ĈARMAN DONACON DE :




fantaziaĵoj
novaĵoj

deponejo:
vermandere
wetstr. -15- r. de la loi
antverpeno

tel. 500.06
esperanto-entrepreno

Kovrilo donacita de la firmo « MANO DE FEINO »

17a JARO N-ro 7 (191) DECEMBRO 1931.


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*



Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74



Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## 1907-LA JUBILEO DE "LA VERDA STELO"-1932

La jara kunsido ĝenerala de la grupo estas aranĝota en solena maniero kaj agrabligota de diversaj amikoj, kiuj promesis kunlaboron. La jara festeno estos organizata la tagon tuj post la solena kunsido, kaj la saman vesperon okazos balo.

Tiamaniere « La VERDA STELO » festos dum du tutaj tagoj sian jubileon, kaj tiuokaze ne forgesos siajn diversajn jubileantojn, inter kiuj kompreneble unu estas pleje festota, nome S-ro Schoofs, prezidanto-stariginto de la grupo, kiu nun estas de kvin jaroj honora prezidanto de la Direktanta Komitato, dum li ĉiam ankoraŭ prezidas la laŭleĝan administrantaron de la societo sen profita celo, kiu anstataŭis, de 1927, la simplan grupon « La Verda Stelo ».

Tiuj festoj okazos Sabaton, la *23an de Januaro* kaj *Dimanĉon, la 24an*, en la salonoj « Patria », Lange Leemstraat, 122, laŭ jena programo:

*Sabaton, 23an*, je la 20a horo: Festo kaj solena kunsido. Gratuloj al la jubileantoj. (Salono de la teretaĝo).

*Dimanĉon, 24an*, je la 17a horo: Festeno (35 frankojn) — (salono de la 1-a etaĝo) — je la 20a horo: dancfesto (salono de la teretaĝo).

La membroj de « La Verda Stelo » ricevos baldaŭ apartan cirkuleron, sed ni tamen de nun jam petas rapidan aliĝon. La kotizo por la sabata kaj dimanĉa vesperfestoj estas kune Fr. 15,—, kun la festeno do Fr. 50,—. Oni estas petata pagi, ĉu la sumon de 15, ĉu tiun de 50 frankoj, al la poŝtĉekkonto n-ro 1700.10 de la Prezidanto de la Festa Komitato, S-ro Maur. JAUMOTTE, Avenuo de Bruyn, 44, Wilrijck, dum korespondaĵoj estas sendotaj al la sekretario Aug. FAES, Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers, Antverpeno.

Ni ne dubas, ke multnombre la membroj deziros ĉeesti tiujn festojn, kiuj estos okazo por gratuli kaj bondeziri pli ol dudeko da membroj, kiuj ĉu de antaŭ la milito, ĉu de tuj post la milito, dum minimumo de dek jaroj, laboris kaj propagandis en la vicoj de la Verd'Stelanoj.

Multaj jam promesis partopreni. Ke ili kiel eble plej rapide aliĝu.

LA FESTKOMITATO.

# XXIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

## ANTVERPENO

Laŭ decido de la Ligestraro, kaj sekve al peto de la grupo « La Verda Stelo », kiu, tiun jaron, festos la 25an datrevenon de sia starigo, la XXIa Belga Kongreso de Esperanto okazos en 1932, dum la Pentekostaj tagoj en Antverpeno.

Speciala kongresa komitato sin, de nun, okupas pri la kunmeto de alloga programo. Kvankam ni ne jam kapablas publikigi detalojn pri la diversaj festoj kaj aranĝoj, ni tamen povas jam anonci, ke Sabaton, vespere, post la ordinara ĝenerala kunsido, dum kiu oni pridiskutos la precipajn pripropagandajn demandojn, estos jam bona okazo por interkonatiĝi. La junuloj, kaj ĉiuj, kiuj sin kore sentas tiaj, havos i.a. jam okazon por danci.

Dimanĉon, okazos kiel kutime solena kunsido, fotografado, festeno, kaj vesperfesto (teatra reprezentado, kun kroma dancado).

La programo por la lundo ne jam estas tute kunmetita, sed en la antaŭtagmezo, estos okazo por tiuj, kiuj deziras ion speciale viziti, tion fari sub lerta gvidado. La kongresanoj povos i.a. elekti inter vizito al la haveno, la muzeo de Belaj Artoj, la muzeo Plantin-Moretus aŭ la Zoologia Ĝardeno.

La posttagmezaj aranĝoj estos tiaj, ke ĉiuj havu taŭgan okazon, por grupe revojaĝi, je deca horo, al la diversaj urboj de nia Lando.

Antverpeno estas facile atingebla. Do certe multaj Belgaj samideanoj ĉeestos, dum ni jam ricevis la certigon pri ĉeesto de diversaj fremdlandaj amikoj.

Por faciligi, kiel eble plej multe, la laboron, la loka kongresa komitato petas pri plej frua aliĝo. La kotizo estas fiksita je 15 frankoj, kiujn oni povas jam de nun sendi al la Poŝtĉekkonto de la XXIa Belga Kongreso de Esperanto N-ro 1119.10.

Por la LOKA KONGRESA KOMITATO:

*La Sekretario,* Aug. FAES.

*La Prezidanto,* Maur. JAUMOTTE.

## PROVIZORA PROGRAMO

### de la XXIa Belga Esperanto-Kongreso

*Pentekoston 1932 — Antverpeno*

*Sabaton, la 14an de Majo.* — Ĝenerala kunsido labora de la ĉeestantaj membroj de « Belga Ligo Esperantista ». — Poste intima dancado.

*Dimanĉon, la 15an de Majo.* — Solena malfermo de la Kongreso kaj solena kunsido. — Oficiala akcepto en la urbdomo. — Fotografado. — Komuna festeno. — Libera promenado. — Teatra- kaj dancfesto.

*Lundon, la 16an de Majo.* — Aranĝotaj vizitoj al: la haveno (per agrablaj ekskursboatoj), la Muzeo de Belaj Artoj, la Muzeo Plantin, la Zoologia Ĝardeno. — Komuna tagmanĝo. — Ĉe bela vetero ekskurseto al iu el la najbaraj parkoj.

Aliĝilo

Al la **21a Belga Esperanto-Kongreso 1932**
Schoenmarkt, 16/1, Marché aux Souliers
ANTVERPENO

Mi anoncas min por la **21a Belga Esperanto-Kongreso,** 14an—16an de Majo (Pentekoston) 1932 en Antverpeno :

Nomo kaj antaŭnomo : S-ro/S-ino/F-ino*) ..........

Profesio ..........

Loko ..........

Strato kaj numero ..........

Krome mi anoncas miajn familianojn :

..........

..........

..........

Mi pagas hodiaŭ al la poŝtĉekkonto 1119.10 de la Kongreso, la jenajn sumojn :

**Kotizo por mi** (15 b.fr. ĝis la 1a de Majo;poste 25) Fr..........
**Kotizo por** ...... **familiano(j)** supre citita(j) . . . . Fr..........
**Partopreno festeno** (dimanĉo) por mi (kaj ...... famil.) (Kosto Fr. 35,—) . . . . . . . . . . . . Fr..........
**Partopreno komuna tagmanĝo** (lundon) (Kosto Fr. 15,—) . . . . . . . . . . . . . . . . Fr..........
(**) **Partopreno** ĉu al ekskurso haveno (Fr. 10,—) Fr..........
ĉu al vizito Zoologia Ĝardeno (Fr. 8,-) Fr..........
ĉu al Muzeo de Belaj Artoj (senpaga por la Belgoj) . . . . . . . . . Fr. (***)
ĉu al Muzeo Plantin-Moretus (senpaga por la Belgoj) . . . . . . . . . Fr. (***)
**Loĝado dum unu/du noktoj en hotelo.** Po Fr. 20,—, 25,—, 30,— aŭ pli . . . . . . . Fr..........
**Aĉeto tri diversaj serioj de poŝtkartoj ilustritaj pri Antverpeno** (sendotaj al mi, metotaj en mia kongreskoverto) (Fr. 5,— por la 3 serioj) . Fr..........
Entute.......... Fr..........

.........., la ...... de .......... 193 a.

(Subskribo)

---

* Forstreku tion kio ne konvenas.

** Indiku al kiu ekskurso aŭ vizito vi deziras partopreni, ĉar ĉiuj okazos sub la direkto de samideano, kiu donos la nepre necesajn klarigojn.

*** La fremdlandanoj, kiuj deziras viziti muzeon, ne jam pagu por tio iun sumon. Ĝenerale la fremdlandanoj pagas ; la Loka Kongresa Komitato faras tamen la necesajn paŝojn por ke ankaŭ la fremdaj partoprenontoj al la Kongreso ĝuu la senpagan eniron.

## REKOMENDATAJ HOTELOJ

**ANTVERPENO:**

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel. : 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel. : 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel. : 353.81.
**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel. : 217.60.

**BRUSELO:**

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel. : 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel. : 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel. : 17.00.94.

**GENTO:**

**Hôtel de lYser,** 65 Flandra strato. Tel. : 110.91.
**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

**NINOVE:**

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel. : 19.

**Pri la urbo de nia proksima kongreso belga**

# ANTVERPENO EN LA XVIa JARCENTO

D-ro J. DENUCE, Urba Arĥivisto.

Dum tuta la moderna historio, Antverpeno estis la urbo kiu nerezisteble altiris la kuraĝeman kaj scipovan homon. Pli ol unu fojon la urbo estis ja supro, lumilo, en la ĝenerala homa civilizacio, ĉu sur materia, ĉu sur spirita kampo. Ekserĉi la kaŭzojn de tio, kiu historiisto pri Antverpeno ne provis fari tion?

La unua kaŭzo sendube estis la natura, geografia lokiĝo de la urbo mem: ĝi estis kaj ankoraŭ ĉiam estas la loko de kruciĝo de la grandaj, internaciaj vojoj, akvaj kaj teraj, inter la Eŭropaj kulturlandoj kiel Anglujo kaj Germanujo, Francujo kaj la Nordaj regionoj. Bruĝo ankaŭ estis tiel lokiĝanta, kaj ĝia brila historio en la frua mezepoko ankaŭ estis kaŭzita de tio. Sed la naturo (la sabla obstrukciĝo de la Zwin) kaj la neprogresado kun la modernaj postuloj de la internacia cirkulado, faligis la urbon, kiam Antverpeno, en juna forteco, ekkomencis sian malvolvadon. Tragika reveno de la samaj periodoj en la historio, Bruĝo kaj Antverpeno kiel komerco- kaj scienco- kaj art-metropoloj, ambaŭ la plej harmonia esprimo de tio, kion nia popolo en favoraj cirkonstancoj donis al la mondo!

La granda rolo, kiun Antverpeno ludis en la sociekonomia historio, datumas el la 16a jarcento. La urbo tiam estis la ĉefa komerca centro de Eŭropo. Tiun grandecon ĝi dankis, post sia favora lokiĝo kaj la veturebleco de la *Hont* aŭ okcidenta Skeldo (15a jarcento), al la komerclibero, kiu estis de l'komenco la bazo de ĝia politiko. Krom tio aldonu la transmetiĝon de la pezocentro de la transmara komerco, antaŭe en la havenoj de la Meza Maro, nun al tiuj de la Atlantika Oceano, sekvo de la transmaraj malkovroj de Hispanoj kaj Portugaloj. Ameriko kaj Hindujo, venintaj en la mondan trafikon, havis kiel komunan vendejegon Antverpenon, dank' al la potencaj komercist-korporacioj de la Sudanoj, kiuj eklogis ĉi tie, kaj milde estis privilegiitaj de la Urbestraro. Lertaj partaj konsentoj al la Anglaj «Merchant Adventurers», al la Orientanoj kaj la Germanoj tamen reordigis la egalpezon por la multaj aliaj fremdaj elementoj, kiuj sin sentis kvazaŭ hejmaj en Antverpeno. Dum rilate mallonga tempo estis starigita je l'servo de la komerco, ne sole la belega, unua internacia Borso, sed vastaj konstruaĵoj estis metitaj je l'dispono de la Anglaj komercistoj en la Hoboken- kaj Venusstratoj, la fama Orienta Domo, la ankoraŭ ekzistanta sed kaduka Hessen-domo, la riĉa « Domo de Portugalujo » en la Kipdorp, k.t.p. konstruita la unua post l'alia aŭ transdonita al korporacio. Reĝaj faktoroj traktadis gravajn depruntojn por siaj reĝoj: Schetz kaj Lopez Gallo por la Hispana; Thomas Gresham por la reĝino de Anglujo.

Antverpeno estis kvazaŭ la vivportanta suno por la tuta lando. Ĝi devigis ĉirkaŭe Flandrion kaj Brabanton je pli intensa produktado, je pli granda eksportado. Plimalpli defalintaj regionoj kiel Okcident-Flandrio kaj Henegovio dankis sian rilatan reviviĝon al Antverpeno kiel la Genta industrio restis grava

pro la disvolviĝo de la Skeldurbo. La arttapet-industrio de Aŭdenardo, Bruselo kaj Meĥleno ne povis ĝis en la 17a jarcento liveri ĉiajn demandatajn produktaĵojn.

Kiel scienca centro radiis el la Skeldurbo la spirita vivo al la deksep Nederlandaj provincoj, de kiuj Antverpeno estis kvazaŭ la ĉefurbo. Nenie la presarto floradis kiel ĉi tie, de la komenco de la 16a jarcento, por atingi en la dua duono suprojn kun reĝaj presistoj kiel Plantin kaj Silvius. En la unuaj jaroj de l'sekvanta jarcento Abrahamo Verhoeven aperigis la unuan regulan gazeton.

Je la servo de komerco kaj scienco ankaŭ Ortelius aperigis en Antverpeno sian unuan faman Atlason, de kiu la Flandra eldono « Sceno de la Tero », presita en 1571, estis la unua geografia kartlibro nacilingva en la tuta mondo.

Sur industria kampo Antverpeno unike aspektis per la fabrikado de silkaj atlasaj ŝtofoj, per siaj postaj vitrofarejoj. Urbo de lukso kaj grandega riĉeco, ne estis mirige ke ĉi tie ekzistis la prilaboro de l'gemoj je granda skalo, ke la diamantindustrio fake ĉi tie naskiĝis. Diamantoj estis uzitaj eĉ por ornamo de la arttapetoj. La granda negoco de tiu eksterordinara komercaĵo necesigis la starigon de speciala konstruaĵo.

La intensaj interrilatoj de tiaj diversaj elementoj el Nordo kaj Sudo, Oriento kaj Okcidento devis antaŭ ĉio favorigi la teĥnikon de komerco kaj marveturo. Ni citu ekzemple la reformon ĉi tie de la kambio; la kambio, pro la monvaloraĵoj, kiuj alfluegis ĉi tien de ĉiuj landoj, estis unu el la ĉefaj kaŭzoj de tiuj imponaj fortunoj; ili ja ekestigis tiajn grandajn monspekulaciojn, nome sur la kvar famaj Antverpenaj foiroj.

Por la unua fojo la komerco estis organizata sur scienca bazo, dank'al nova severa logika librotenado, pri kiu la unua Flandra kompendio de Ympijn, aperis ĉi tie en 1543. La asekuro de komercaĵoj kaj ŝipoj estis tiamaniere organizata, ke la Antverpena kutim-leĝo servis kiel ekzemplo ĉe aliaj popoloj.

La artoj ĉiam floras kie komerco kaj industrio kaj scienco riĉigas kaj spirite edukas la popolon. Por tiu, kiu alproksimiĝis Antverpenon laŭ la riverega flanko, ne estis mirige renkonti en la urbo mem tiujn multajn grandiozajn konstruaĵojn, publikajn kaj privatajn. Du belegaj gravuraĵoj memorigas nin pri la du ekstremaj datoj, inter kiuj la triumfo de Antverpeno troviĝas: la unua estas granda ligna gravuraĵo de l'jaro 1515, kun la ankoraŭ nefinita ĉefpreĝeja turo; la alia, pli gracia sed malpli intimatmosfera kupra gravuraĵo de Vrients, de 1610. Sur ambaŭ multege da turoj kaj altaj fasadoj gaje leviĝas.

La Flandra Renesanca konstrustilo naskis en Antverpeno kaj admirigis siajn plej pompajn memoraĵojn al la postaj jarcentoj: sian novan urbdomon, sian domon de Orientanoj, sian Borson kaj Gilddomojn. Ni ne parolas ĉi tie pri ĝia S-ta Virgulina turo kaj aliaj preĝejoj, ĉar ili datumas de pli frue, nek pri ĝia posta jezuita preĝejo.

De la 16a jarcento la Antverpena S-ta Luko-gildo estis konsiderata kiel centro, akademio kaj borso samtempe, kie la Nederlanda artvivo la plej fortike estis alcentrigita. Neinterrompita vico de grandaj Majstroj, de Quinten Massys ĝis Rubens kaj Quellin, faris de Antverpeno artlaborejon, kiu liveris al la tuta tiam konata mondo. Iu Frans Floris havis cent dudek lernantojn, kiuj pentris milojn da pentraĵoj ekskluzive por la eksporto.

Sur la literatura kampo sin distingis pioniroj kiel Anna Byns, la pasia poetino, Marnix van Aldegonde, kun sia Rabelais-a prozo, Junkro Jan van der Noot, la tipo de la Renesancpoeto.

Tiam ekkomenciĝis la defalo, pro la milito kaj la religiaj bataloj, pro la nesatigebla monsoifo de la registaroj. Ĉar se Antverpeno estis la urbo de la grandaj art- kaj komercmanifestacioj, estis ankaŭ la urbo, kie falis la unuaj viktimoj de la Reformacio en Eŭropo, kie la diversaj filozofiaj kaj politikaj ideoj la plej vigle batalis la unu kontraŭ la alia, la urbo de la Hispana kaj Franca Furioj kaj de la plej grandaj perfortoj. Oni tamen ne pensu, ke post la 16a jarcento la rolo de Antverpeno estis ludita. La nomo de Rubens kaj de lia skolo donas al tio sonan respondon. Sed la libera disvolvado estis malhelpata, materie kaj spirite. Multaj unuarangaj elementoj estis elmigrintaj eksterlanden kaj ekkomencis de el Holando, kelkfoje senkompatan batalon kontraŭ sia patra urbo. Por ili estis: *Anversa la ingrata.*

Ĝis post la mezo de la 17a jarcento Antverpeno restis unu el la plej allogaj ĉefaj urboj el Eŭropo. Ne plu estis la bruega renkontejo de la internacia mon- kaj marveturkomerco. Estis enprofundiĝo, kvieteco kvazaŭ post la ŝtormo, antaŭiranta la faktan defalon, kvankam ankoraŭ ĉi tie ekzistis kelkaj el la plej grandaj fortunoj, floris ankoraŭ la industrio kaj formiĝis ankoraŭ aro da artistoj bildo de alta civilizacio.

Ĉi tiuj estas kelkaj observoj, interesaj por la turisto, en kiuj ni precipe atentis, kion Antverpenon distingis de aliaj urboj en la historio, nome la Antverpenon de la 16a jarcento, kiam ĝi vere estis unua faktoro en la estiĝo de la moderna Eŭropo.

*El la flandra trad.* Hector VERMUYTEN.

---

# LULKANTO

*Flandre verkita de*
Hendrik DE MAREZ

*Muziko de*
Jenny Cogen-Van Rysselberghe

Fermu dolĉe l'okuleton,
Dormu pace, anĝelet',
Kiam de la flor', vespere
Malvolviĝas kaliket'.

Bona Dio, el ĉielo,
Protektant' de l'infanet'.
Igu for malbonajn sonĝojn,
Cin karesu sur vanget'.

Dormu dolĉe, ne ektimu,
Gardas cin la patrinet'.
Patrineto cin ŝirmados
Dum la blanka sonĝadet'.

Morgaŭ reaperos suno
Brile ĉe la horizont'
Kaj mi vekos cin, anĝelo
Per kiseto sur la frunt'.

Fermu dolĉe l'okuleton,
Dormu pace, anĝelet',
Kiam de la flor', vespere,
Malvolviĝas kaliket'.

*Tradukis L. Cogen.*

# PRIMITIVA

En tre antikva manuskript',
Trovita en malluma kript',
Tre simple, per gotik-literoj,
— Kaj inter piaj Di-aferoj —
Legiĝas pri pedel' humila
Sed orgenisto plej subtila,
Je l'nom' belsona de Judokus,
— *Ad ridendum non est locus* —
Gajnante pene nur la panon,
Li edukadis la infanon
En l'ombro de la muzikil'
Kiel servant' ĉe la blovil'.
Antifonalon li posedis,
— Li tiun de la patr' heredis —
Jarcent-malnova dokument'
De la kantarto monument'.
Nu, iutage lia filo
Kun kolereta maltrankvilo
Kaj ploretante ekkonfesis,
Dum la postaĵon li karesis,
Ke pro l'blovad', de l'pantalon'
Ja eluziĝis la koton'.
Jen patro ŝiris notfolion,
Komencis tuj operacion
Kaj per plej taŭga pergamen'
Kaj per fortika lin-faden ,
Aranĝis pure fundamente
La pantalonon diligente.
Post kelkaj tagoj, laŭ la rit',
Li kanti devis l'*Introït,*
Sed vane serĉas la notaron,
Ektiras nerve al si haron,
Ĝis li subite konsciiĝas
Ke l'serĉataĵo ja troviĝas
Sur pantalon' de lia id',
Gratante sin kun stulta rid'.
« Metu vin, ho kar-infano,
Sur piedo kaj sur mano,
Proksimiĝu al orgen',
Tuj finita estos pen'! »
Kaj — la knab' estis obea —
Tuj leviĝis cel'trofea;
Kaj grincante per la dentoj,
Kaj ŝvitante dum momentoj,
Tenis knab' per inda bel'
La postaĵon al ĉiel',
Kontraŭ de la patr' okulo.
Kaj ekkantis laŭ regulo
Nia klera Majstr' Judokus
« *Quam terribilis est locus,*
*Iste*... » Ja timiga, Di',
Estis tiu lok' al li!

Rerakontis : TYNEVERUM.

## LA TELEDAKTILOGRAFIO

Laŭ informoj ricevitaj el Londono, la gazetaro sciigis, ke la inĝenieroj de la londona telefonservo laboras pri elpensaĵo, kies aplikado ŝanĝos entute la transmetprocedon de la leteroj en Grand-Britujo.

Temas pri specialaj skribmaŝinoj, kiujn povos havigi al si ĉiuj posedantoj de telefono, kaj per kiuj oni povos skribi tekstojn, kiuj estos aŭtomate presataj sur la maŝino de la korespondantoj ĉe la alia ekstremaĵo de la fadeno.

Sufiĉos, ke la du maŝinoj estu konektitaj kun la telefono kaj ke oni daktilografu la leteron, kiun oni deziras sendi al la korespondanto, kies numeron oni estos petinta, kiel por ordinara interparolo.

La kompetentuloj de la Poŝtministerio anoncas, ke tiu nova servo povos funkcii je la fino de la jaro, kontraŭ malalta takso pagota de ĉiu abonanto. Ili deklaras, ke dank'al tiu genia sistemo, estos eble transsendi pli rapide ol per la telegrafo kaj malpliigi grandskale la ordinaran poŝtan trafikon.

(Laŭ « *Revue Sténographique Belge* ».)

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — "**La Verda Stelo**". — Sabaton la 7an de Novembro la membroj kunvenis en la vasta muzikvendejo de Ges-roj Aug. Faes, kiuj ĉarme ilin akceptis kaj aŭdigis dum tuta vespero, la plej allogan muzikon, kiun oni kapablas prezenti sur diskoj. S-ro Jaumotte dankis kore Ges-rojn Faes kaj permesis al si esprimi deziron pri baldaŭa reakcepto.

Pro ne antaŭviditaj cirkonstancoj, la salono « Witte Leeuw » ne estis libera Sabaton, la 14an, kaj denove la gemembroj kunvenis en la magazeno de S-ro Faes, kie, unu post alia, S-roj Schoofs, Jaumotte kaj De Ketelaere, montris belajn lumbildojn pri la monta Skotlando kaj donis klarigojn pri la diversaj vidindaĵoj.

La 21an okazis la monata ĝenerala kunveno de la grupo.

BRUĜO. — "**Bruĝa Grupo Esperantista**". — La 20an de Oktobro F-ino Thooris raportis pri la kunveno de la Komitato de Belga Ligo Esperantista en Bruselo la 18an de Oktobro. Okazis unua ripetado de « Esperanto kaj Amoro ».

La 27an de Okt. oni havis vesperon kun vortludoj kaj kun legado de « L'Indispensable », por kiu oni ankaŭ disdonis la rolojn.

Dimanĉon la 1-an de Novembro matene kelkaj membroj partoprenis en la sekvantaro al la tombejo kaj salutis kelkajn tombojn de familianoj kaj konatuloj de la membroj.

Sabaton, la 7an de Nov. multaj membroj de la grupo ĉeestis la balon en Hotelo Verriest.

La 10an de Nov. okazis la kanta vespero, prezidata de F-ino Boereboom, kiun helpis F-ino Weissenborn kiel akompanistino.

BRUSELO. — "**Esperantista Brusela Grupo**". — La grupo elektis sian komitaton jene: Prezidanto: D-ro P. Kempeneers; Vic-prezidanto: D-ro W. Van der Biest;; Sekretariino: F-ino E. La Haye; Helpsekretario: S-ro Ch. Lavisse; Kasisto: S-ro H. Castel; Helpkasisto: S-ro E. André; Bibliotekistino:: F-ino S. Obozinski.

En Novembro ni aŭdis 2 tre interesajn paroladojn: la unua de D-ro Kempeneers (pri la S. D. N., kun lumbildoj), la dua de D-ro Van der Biest (pri Anglic, la ĵus naskiĝinta artefarita lingvo).

Okazis ankaŭ la kutimaj kunsidoj: ĝenerala kunsido, parolata ĵurnalo kaj amuza vespero.

Niaj kursoj organizitaj en Bruselo kunigis 27 gelernantojn. La profesoroj estas D-ro Kempeneers, S-ro Lavisse kaj F-ino Obozinski.

La 12an de Novembro, S-ro Lavisse faris en grupo de hotelestroj tre interesan paroladeton pri « Esperanto kaj Turismo ».

La 19an de la sama monato, S-ro Schmidt, el Bochum (Germanujo) parolis en la urbodomo de Jette, pri la «Faldboatsporto» (kun lumbildoj). Pli ol tricent personoj ĉeestis. S-ro Castel tradukis la paroladon franclingve. La kunsido estis organizita de Jeta Grupo Esperantista kaj Esperantista Brusela Grupo sub la aŭspicoj de « Essor Intellectuel ». S-ro Schott, je la nomo de tiu lasta societo, kaj D-ro Van der Biest, je la nomo de la esperantistoj, dankis kaj gratulis la parolinton kaj la lertan tradukinton S-ron Castel.

S-ro Hart estas elektita helpkasisto, pro la morto de S-ro André.

S-ro Swinne fariĝis helpkomitatano.

Jaŭdon, la 26an de Novembro, S-ro Kempeneers faris en la Popola Universitato de Uccle (kies ejo estas la urbdomo), franclingve, interesan paroladon pri Skotlando kun la nombraj kaj belaj kliŝoj de la « London and North Eastern Railway » pruntedonitaj.

La parolinto sukcesis diri kelkajn vortojn pri Esperanto antaŭ proksimume cento da atentaj aŭdantoj.

Lundon, la 30an de Novembro, S-ro Lavisse faris tre interesan paroladon pri « La Abatejo de Villers » kun lumbildoj.

S-ro Lavisse sukcesis interesigi ĉiujn ĉeestantojn. Je la demando de S-ro Kempeneers li gvidos la gegrupanojn en Villers dum la Somero.

HASELTO. — **"Hasselta Grupo Esperantista "**. — La elementa kaj la perfektiga kursoj, gvidataj de S-ro Van Genechten ĉiam bone progresas. Por rekompenci siajn gelernantojn pro ilia diligenta daŭra lernado, S-ro Van Genechten kun la kunhelpo de la simpatiaj samideanoj S-ro Nackaerts (Grupa Prezidanto) kaj S-ro Jean Wijnants el Looz (membro de la Hasselta Grupo) organizis esperanto-familian feston, kun la sekvanta programo :

1) Mallonga parolado de S-ro Nackaerts pri la movado kaj la progreso de Esperanto en ĉiu lando.

2) Mallonga parolado de S-ro Van Genechten pri la diversaj modernaj metodoj de la esperanto-instruado.

3) S-ro Wijnants parolis pri la maniero laŭ kiu li nun studas Esperanton, nome per la nova metodo « Linguaphone » kaj aŭdigis al la ĉeestantoj kelkajn diskojn el tiu metodo.

4) Gramofonkoncerto. — S-ro Wijnants aŭdigis al la ĉeestantoj, per diskoj « His Masters Voice » la tutan operon « Paillacio » de Leoncavallo, kantitan itala-lingve de la artistoj kun akompanado de la plena orkestro el fama teatro « Scala » el Milano.

Tiu promesplena festo okazis Dimanĉon, la 29an de Nov. je la 3a horo posttagmeze en la salono (unua etaĝo) de la kafejo « Graanbeurs », Kapelstr., (rue de la Chapelle), N-ro 13.

Ni esprimas ĉi-tie nian plej koran dankon al S-ro Arthur Theunis, posedanto de la kafejo « Graanbeurs » kiu metis je nia dispono sian belan ejon kaj grandvaloran gramofonaparaton.

Ni esprimas elkoran dankon ankaŭ al S-ro Jean Wijnants, kiu disponigas al ni sian belan kolekton de diskoj.

JETTE (Bruselo). — **" Jeta Grupo Esperantista "**. — Granda kunveno okazis en Jette, pri kiu la organizintoj rajtas esti fieraj.

Sinjoro Schmidt. germana samideano, kiu vojaĝas tra la mondo per faldboato kaj kiu plej taŭge propagandas por la faldboatsporto kaj por Esperanto, estis invitita de la Jeta Grupo Esperantista, por fari prelegon. Por plej eble sukcesigi la aferon, la prezidanto de la Grupo petis helpon de la societo « L'essor intellectuel »,» kaj ĝin li havis.

La prelego okazis jaŭdon, la 19-an de novembro. en la salonego de la Jeta urbdomo. Ĝi komencis je la 8-a vespere kaj daŭris ĝis la duono post la deka.

Pli ol 300 homoj ĝin ĉeestis, inter kiuj estis rimarkitaj kelkaj membroj el la urbestraro. La prelego farita esperantlingve estis tradukata. Orkestro zorgis ke ĉiu paŭzo estas agrabligata per arioj el la nuntempa repertuaro.

Sinjoro Schmidt, dum pli ol unu horo priparolis la faldboatan sporton. Per lumbildoj, li montris la staton de tiu sporto en Germanujo, li pritraktis la ecojn de la boato, ĝian konstruon, ĝian fortikecon, ĝian pezon; li montris sur kiaj akvoj ĝi povas naĝi. Unu landkarto klarigis la trairon de la Atlantiko per faldboato, alia landkarto montris kiu estas la vojaĝo projektita de sinjoro Schmidt. Li, ja post nelonge, intencas entrepreni vojaĝon al la Beringh'a markolo.

Sinjoro Schmidt, kiu tre flue parolas Esperanton kaj kiu facile trovas la ridigan vorton, agrabligis sian paroladon per rakontoj pri kelkaj el siaj travivaĵoj.

Antaŭ la ĉeestantaro, la boato de sinjoro Schmidt staris kun siaj du blankaj veloj, el kiuj la pli granda surhavis verdan stelon. Post la lumbilda parto, kaj mallonga paŭzo, li malmuntis ĝin, kaj el ĝi faris du pakaĵojn kiujn — unu sur alia — li fiksis sur du radetoj. Kaj la faldita boato estis nun preta, iri tra teraj vojoj por retrovi la akvajn.

La prelego estis reala sukceso. La parolinto neniel elrevigis la esperojn de la organizintoj. Kaj ĉi tiu prelego estis la lasta de li farita dum la nuna jaro. Li dum kelkaj monatoj reiros en la hejmlandon por pasigi la vintrajn monatojn. Kaj poste, li rekomencos siajn vojaĝojn.

Ni deziras al li bonan ripozon, bonŝancon en la venontaj vojaĝoj kaj ni esperas revidi lin inter ni kiel eble plej baldaŭ.

Ne estas necese diri, ke multaj personoj en la ĉeestantaro neniam antaŭe aŭdis Esperanton. La parolado de sinjoro Schmidt impresis ilin favore al nia lingvo, kaj povas esti, ke el tiu okazintaĵo la movado kolektos fruktojn.

L. G.

LIERO. — La loka grupo "**Liera Stelo**" akceptis la 18an de Nov. S-ron Schmidt, kiu alvenis laŭ la rivero Nethe per sia faldboato. Vespere li faris en salono « Apollon » paroladon kun lumbildoj.

Tiu grupo ankaŭ anoncis la organizon de kurso de Esperanto, kies unua leciono okazis la 22an de Nov. en la mezgrada lernejo, Moldijk.

RONSO. — "**La Paca Stelo**". — Post longa silento la grupo reorganizis la kantvesperojn, dum kiuj S-ro Van Durme akompanas fortepiane. Je la okazo de la datreveno de la milithalto, kunveno ne okazis la 11-an de Nov. La 18an la kunveno diskutis pri la elekto de tradukota libro, laboro, kies korekton la grupanoj faros kune.

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al Gesinjoroj **R. Van Eynde-Deneef,** membroj de « La Verda Stelo » el Antverpeno, pro la naskiĝo de filineto, Johanino, la 12an de Nov.

Al S-ro **Marcel Christiaens,** membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, kiu edziĝis la 31an de Oktobro kun F-ino A. Selhorst.

## NEKROLOGO

La 1-an de Nov. mortis en Bruselo la 43-jara edzino de S-ro **Emile Vincent**, Direktoro de mezgrada lernejo, membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, granda favoranto de nia lingvo. Ni prezentas niajn plej korajn kondolencojn al nia amiko kaj liaj infanoj.

La 7an de Novembro mortis preskaŭ subite unu el niaj plej simpatiaj samideanoj de la ĉefurbo, S-ro **Emile André**, komitatano de la Esperantista Brusela Grupo. Li postlasas la memoron de ĉarma, ĉiam helpema kaj sindona amiko. Ni tutkore kondolencas liajn funebrantajn edzinon kaj filinon.

# POR LA KASO DE NIA LIGO

Laŭ decido de la Komitata kunveno de Oktobro pasinta, monkolektado estis reorganizita por la subteno de nia agado. Ni publikigas ĉi sube la unuan liston de sumoj ricevitaj, kaj ne dubas, ke ĉiuj Esperantistoj de Belgujo sentos sian devon. kaj sendos ankaŭ sian grandan aŭ malgrandan donacon al la poŝtĉeknumero 1337.67 de Belga Ligo Esperantista.

| | | |
|---|---|---|
| Anonima | Fr. | 250,— |
| Anonima | » | 100,— |
| Ges-roj Cogen | » | 100,— |
| P. Kempeneers | » | 100,— |
| M. Jaumotte | » | 100,— |
| W. Van der Biest | » | 50,— |
| C. Babilon | » | 50,— |
| P. Van Genechten | » | 50,— |
| Yvonne Thooris (1-a pago) | » | 30,— |
| M. Van Wanseele | » | 20,— |
| V. Turc-Istas | Fr. | 20,— |
| A. Faes-Janssens | » | 20,— |
| L. Champy | » | 20,— |
| S. Obozinski (1-a pago) | » | 10,— |
| Delvoie | » | 5,— |
| Anonima | » | 5,— |
| F. Staes (1-a pago) | » | 5,— |
| Soldato | » | 5,— |
| H. Castel | » | 5,— |
| | Fr. | 945,— |

## LA ĜENERALA KRIZO

La « Daily Express » ekzamenis la estintajn krizojn ekonomiajn kaj tiuokaze publikigis liston de la lastaj, kun ilia daŭro. El tiu listo ni ekscias, ke la krizo de 1857 daŭris 12 monatojn, tiu de 1869, 8 monatojn, tiu de 1873, 30 monatojn, tiu de 1884, 22 monatojn, tiu de 1889, 10 monatojn, tiu de 1893, 25 monatojn, tiu de 1904, 25 monatojn, tiu de 1907, 12 monatojn, tiu de 1914, 8 monatojn kaj tiu de 1921, 14 monatojn.

Kaj la angla gazeto konkludis, ke la homoj kiuj eliris riĉaj el tiuj krizaj periodoj, estis tiuj, kiuj komprenis, ke kiam ĉiuj senkuraĝiĝas, estas la vera momento por agi. Ĉu ni ne atentu pri la ideo?

## PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — "**La Verda Stelo**". — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France ; ĉiusabate, 21 h. — Kantlernado de 20-21 h. en la sekretariejo : Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

5 Dec. : S-ta Nikolao-Festo kun dancado.

12 Dec. : Zamenhof-festo. Diplomdisdono al la lernintoj el la kurso de S-ro H. Boffejon.

19 Dec. : Ĝenerala monata kunveno.

26 Dec. : Kristnaska festo. Loterio. La membroj ne forgesu alporti kelkajn donacojn-surprizojn.

2 Jan. 1932 : Oficiala kunveno ne okazos.

BRUSELO. — "**Esperantista Brusela Grupo**". — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

7 Dec. : Parolata ĵurnalo. Legado de « La Postulema Pentristo », unuakta komedio de Tristan Bernard, tradukita de S-ino Cormont-Wittrien.

14 Dec. : « Esperanto kaj la Societo de Nacioj » parolado de D-ro Kempeneers.

21 Dec. : Ĝenerala kunsido-propagandrimedoj. F-ino Obozinski parolos pri « Reorganizado de la biblioteko ».

28 Dec. : Kristnaska Festeto. Loterio. Amuza Vespero, societaj ludoj.

BRUĜO. — "**Bruĝa Grupo Esperantista**". — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

1 Dec. : Kanta vespero. Prez. F-ino Boereboom. (Oni ne forgesu la tekstojn !)

8 Dec. : Parolata ĵurnalo. Prez. F-ino Thooris.

15 Dec. : Lastaj aranĝoj por la propaganda vespero. Prez. F-ino Thooris.

20 Dec. (dimanĉon) : Propaganda festo en la sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » je la 18a h. : Kantado de F-ino Georgette Hubrecht. — Teatraĵoj. «Esperanto kaj Amoro» kaj «L'Indispensable». — Tombolo, ktp.

22 Dec. : Impresoj pri la propaganda festo, kaj organizo de la nova kurso. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

29 Dec. : Lastaj aranĝoj por la nova kurso kaj jarfina humora vespero. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

# 24a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 30 Julio-6 Aŭgusto 1932**

El la unua Bulteno eldonita de la Loka Kongreskomitato ni notas, ke la oficiala invitanto de la Kongreso estas la Komerca Ĉambro de Parizo. El tiu sama bulteno ni ĉerpas la jenajn informojn:

*L.K.K.:* Prez.: Georges Warnier; vic-prez.: intendanto-generalo Lucien Bastien; kasisto: Lucien Tuleu; ĝen. sekr.: L. N. Newell; membroj: Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

*Oficejo:* La Maison de France, 101, Avenue des Champs Elysées, Parizo VIII.

*Banko:* La Société Générale, Parizo.

*Kotizoj:* Oni aŭkcios kongreskarton n-ro 1; ĝis nun la plej alta propono estas fr. frank. 2000. La kartoj 2 ĝis 11 estas rezervitaj al la membroj de familio Zamenhof; n-ro 12 ĝis 100 kostos po fr. 1000. De n-ro 101 la kartoj kostas po Fr. 125,—, laŭ nuna kurzo belg. fr. 176,25.

*Junulaj kartoj* estas haveblaj de gejunuloj, kiuj havos ne pli ol 17 jarojn je la 1 Aŭg. 1932. Prezo fr. Fr. 30,— (Bfr. 42,25).

*Plialtigo de kotizoj:* Post la 1-a de Julio 1932 la kotizo estos fr. Fr. 200, la junula kotizo fr. Fr. 60.

*Donacoj:* L.K.K. danke akceptos donacojn por helpi en la grandaj elspezoj de la kongreso.

*Garantia kaso:* estas starigita garantia kaso por saldi eventualan deficiton de la kongreso. La minimuma garantio por ĉiu subskribanto estas Fr. 500. Ĝis nun tiu kaso enhavas Fr. 102.000,—.

*Fervojaj rabatoj:* La L.K.K. klopodos por ricevi specialan rabaton por kongresanoj sur la francaj kaj alilandaj fervojoj, kaj esperas fari anoncon pri tio post nelonge.

*Kongresa gazeto:* Komence de Januaro 1932 eliros speciala « Kongresa Gazeto », kiu estos sendata al ĉiuj aliĝintoj senpage. La ĉefredaktoro estas la fama aŭtoro Raymond Schwartz, kies nomo garantias utilan, viglan kaj spritan gazeton. Oni sendos la jam aperintajn numerojn al ĉiu kongresano ĝis elĉerpiĝo de la ekzempleroj. Sekve ni konsilas al tiuj, kiuj deziras havi kompletan kolekton, ke ili tuj aliĝu.

*Karavanoj:* En diversaj landoj oni organizos karavanojn al la kongreso. La organizantoj estas petataj interrilati kun la ĝen. sekretario kiel eble plej frue, por eviti duoblan laboron. La L.K.K. anoncos de tempo al tempo la projektitajn karavanojn.

---

Kiel ni jam sciigis, la Nacia Societo de belgaj Fervojoj konsentis rabaton de 35 % al la kongresanoj.

---

## LA AKVOFALO DE LA NIAGARA

Ni baldaŭ alvenis ĉe la bordoj de la akvofalo, kiu anoncis sin per teruraj muĝoj. Ĝi estas formita per la rivero Niagara, kiu ekfluas el la lago Erie, kaj kiu ĵetas sin en la lagon Ontario. Ĝia perpendikulara alteco estas je cent kvardek kvar futoj. De la lago Erie ĝis la falo, la rivero alfluas laŭ forta deklivo; kaj je la momento de la falo, ĝi estas malpli rivero ol maro, kies torentoj rapide fluas al malfermita buŝego de abismo. La akvofalo disiĝas en du branĉoj, kaj fleksiĝas laŭ hufoferformo. Inter la du faloj antaŭiĝas sube fosigita insulo, kiu pendas kun siaj arboj sur la ĥaoso de la ondoj. La maso de la riverego kiu forfluas suden, rondiĝas je granda cilindro, tuj aperas kvazaŭ granda etendaĵo de neĝo kaj brilas en la suno je ĉiuj siaj koloroj; tiu kiu falas je la oriento, malsupreniras en timigan ombron; oni dirus kolonon de l'akvo de la diluvo. Mil ĉielarkoj kurbiĝas kaj renkontiĝas sur la abismo. Batante la skuigitan ŝtonegon, la akvo reŝprucas laŭ ŝaumokirloj, kiuj leviĝas super la arbaroj kiel la fumoj de granda brulego. Pinoj, sovaĝaj juglandarboj, ŝtonegoj hakitaj fantomforme ornamas la scenon. Agloj fortrenitaj per la blovo malsupreniĝas aerturniĝante en la fundon de la abismo, kaj la meloj pendiĝas per siaj flekseblaj vostoj al la ekstremaĵo de mallevita branĉo, por preni el la abismo la rompitajn kadavrojn de alkoj kaj de ursoj.

*Tradukita de P. Rogiers.* CHATEAUBRIAND.

---

## ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Jaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉian duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Breslau: V; Freiburg: 2.Mk; Gleiwitz: V; Graz: J; Huizen: 2.S; Harkov: n.; Kaunas: J; Innsbruck: J; Klagenfurt: J; Le Havre: 2.V; Leningrad: 2-9-12-19-22 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Minsk: n; Motala: 4.D; Odessa: n; Salzburg: J; Stockholm kaj relajsoj: 4.D; Stuttgart: 2.Mk; Tallinn: M; Tartu: M; Wien: J.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Freiburg: V; Heilsberg: S; Königsberg: S; Stuttgart: V.

**Esperanto-kursoj per Radio:** Aachen: D; Dresden: D; Geneve: J; Harkov: n; Huizen: S; Köln: D; Langenberg: D; Le Havre: 2.V; Leipzig: D; Lille P.T.T. Nord: D; Münster: D; Paris P.T.T.: J.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

# BONHUMORO

*Patro.* — Kiam mi estis tiel aĝa kiel vi, mi neniam rakontis mensogojn.
*Fileto.* — Kiun aĝon vi havis, paĉjo, kiam vi komencis?

*Karolo.* — Kiam vi amkonfesis al ŝi, ĉu vi diris, ke vi estas nemerita je ŝi ? Tio impresas ĉiam tre favore.
*Petro.* — Mi intencis tion diri,... sed ŝi diris antaŭ mi.

NOVRIĈULINO. — Dika sinjorino, tre ornamita per diamantoj, fiere sidis en la ceremonia prezentado, kiu okazis en la plej « parizema » teatro de la franca ĉefurbo.

— Rigardu do tien alten, kiom da homoj! diris al ŝi ŝia edżo, montrante al ŝi la plej altan galerion.

— Rigardi tien alten. Neniam. Oni povus supozi, ke mi havis tie amikojn.

FRUELLITIĜEMA. — Je kioma horo vi ellitiĝas dumsomere?
— Tuj kiam la unua sunradio eniras mian ĉambron.
— Ĉu vere? Vi estas tre fruellitiĝema.
— Tute ne: mia ĉambro estas turnita al l'okcidento.

KOMERCA SPIRITO. — *Klientino.* — Jes. Hieraŭ mi trovis muŝon en la kuko, kiun vi vendis al mi.
*Komercistino.* — Ho, Sinjorino, tio ne estas grava: realportu al ni la muŝon, kaj anstataŭe, ni donos al vi vinberon.

ANGLA HUMORAJO. — Bernard Shaw ne ŝatas paroli pri siaj verkoj. Pro tio, la personoj, kiujn oni prezentas al li, ne scias kiamaniere ekparoli kun li. En ia salono, invitito havis nenion pli bonan por diri al li ol tio: « Kiam mi trinkas kafon vespere, estas neeble, ke mi ekdormu. Ĉu vi ankaŭ ne spertis tion, kara Majstro? »

— Ne, respondis Shaw, ĉe mi, estas precize la malo: kiam mi dormas, estas neeble, ke mi trinku kafon.

Juna angla « miss » ekzamenas la edziĝan ringon de sia avino:
— Dio mia. Kiel peza kaj embarasa juvelo tio estis je via tempo, ŝi diras.
— Jes, karulino, dolĉe respondas la avino, sed ne forgesu, ke niatempe, edziĝringo devis daŭri dum tuta vivo.

*Profesoro.* — Diru al mi, Petro, kio estas la ekvatoro?
*Petro.* — Ĝi estas imaga linio ĉirkaŭ la terglobo.
*Profesoro.* — Sed, Petro, ĉu ci bone komprenas tion, kio estas « imaga » linio? Ĉu, ekzemple, mi povus fari nodon en l'ekvatoro?
*Petro.* — Evidente.
*Profesoro.* — Nu, Petro.
*Petro.* — Certe. Sinjor' Profesoro. « Imagan » nodon.

*Juna Bob* (estonta diplomato). — Ha, Paĉjo, ci havas ŝancon.
*Patro.* — Kial ci tion diras
*Bob.* — Ci nunjare ne devos aĉeti por mi novajn librojn: mi rekomencas mian klason.

# DIVERSAJ INFORMOJ

VIRINOJ, ATENTU! GRAVAS! — Paco kaj Esperanto estas gefratoj. Por simpatiigi al Esperanto estraron kaj membrojn de la Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco ni petas la kunlaboron de ĉiu samideanino kiu estas ankaŭ membro de I.V.L. Sendu vian adreson al Helene Wolff, Cleve, Emmericher Str. 28, aŭ al Elise Jacobs, Flensburg, Mathildenstr. 9, Germanujo.

La INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ĵus publikigis broŝuron entenantan la *Sciencan Fundamenton*, aperintan laŭ sinsekvaj partoj en ĝia Bulteno dum la lastaj monatoj. Tiu 100-paĝa broŝuro enhavas tekston, kiu prenzentas elementan didaktikan resumon de la matematikaj, fizikaj kaj naturaj sciencoj, kun laŭalfabeta tabelo de la vortoj. Pro ilia malgranda nombro (nur 100), ni ne povas sendi ekzemplerojn por recenzo; pro la sama motivo la samideanoj, kiuj deziras aĉeti tiun verkon, ne prokrastu mendi ĝin al S-ro Rousseau, 2, rue Alfred de Vigny, Bécon-les-Bruyères (Seine), France, sendante samtempe la prezon, t.e. 1 dolaron aŭ samvaloran sumon. — I.S.A.E.

STRATO DOKTORO ZAMENHOF EN BARCELONO. — La Kataluna Esperantista Federacio atingis de la urbestraro de Barcelono la alnomigon de « Doktoro Zamenhof » al unu el la novkonstruitaj stratoj apud la ĉefstrato (7 kilometrojn longa) Avenuo de la 14a de Aprilo. Ni povas ĝoji pro la honorigo de nia Majstro, kiun la urbestro faris, post unuanima akcepto de la tuta konsilantaro. Krom tio ni gratulas niajn barcelonajn samideanojn pro la atingita sukceso.

ROZO « ESPERANTO ». — Neŭtrala Centro de Esperanto en Praha sukcesis ĉe ĉeĥoslovaka kulturisto de rozoj, mondfame konata s-ro Jan Böhm, Blatna, Ĉeĥoslovakujo, inspiri la nomigon de nova speco de la rozo, rozo de « Esperanto ». Por speciala rozkulturado ricevis S-ro Böhm multajn orajn medalojn kaj diplomojn. Inter lastaj al li adresitaj leteroj estas dankletero de franca ministro Briand por nomigo de la rozo « Briand-Paneŭropo ». Ni atentigas, ke S-ro Böhm estas ankaŭ favoranto de nia lingvo. La rozo « Esperanto » estas flavkolora, havas grandan, potencan kaj bonodorantan floron kaj floras dum la tuta sezono eĉ dum diversaj temperaturoj. Jam multaj kreskaĵoj de ĝi estis forvenditaj al USONO. Ĉiuj rozkulturistoj, ne forgesu aĉeti ĝin.
la lastaj monatoj. Tiu 100-paĝa broŝuro enhavas tekston, kiu prezentas

STRATO DE D-RO ZAMENHOF — PLACO DE ESPERANTO EN PRAGO. — La konsilantaro de Praha-Brevnov rekomendis la 14an de Sept. 1931 al la centra urba konsilantaro de Praha doni al iu strato la nomon de D-ro Zamenhof, por honori la kreinton de nia lingvo, kaj nomi iun placon Placo de Esperanto.

DEZIRAS KORESPONDI: S-ro Kuracisto Kazys Petronis, Kaunas, A. Freda, Technikos prosp. Nr. 23, Litovujo; proponas interŝanĝadon de PM. kaj Il. Pk. (bfl.) kun gesamideanoj. Respondo garantiita.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*LEA KANTARO. — Kolekto de proletaj, batalaj, liberpensulaj kaj popolaj kantoj. Tria reviziita eldono. Eldonejo Laborista Esperanto-Asocio por la germanlingvaj regionoj. 1931. Berlin. 74 Paĝoj. 10,5x15 cm. Prezo RM. 0.40.*

Ni scias, ke internacia laborista movado estas pacifista. Ĉu ankaŭ pacema? Eble. Verŝajne pro tiu idealo, la kantoj de tiu libreto parolas al ni pri « venĝo », « mortbatalo », « kugloj kaj grenadoj », « mortos la venkitaj ». Tia pacifismo anstataŭas internacian militon per klas-batalo. Kompreneble la ideoj kaj idealoj estas liberaj. Ne permesata tamen estas profanigo de nia ĉies « Espero »-himno, kian oni trovas sur p. 37. Aĉa parodio de la homamaj vortoj de nia Majstro, laŭ sekvanta maniero, ekz. : « vokas ĝi al glavo kaj milito », « kun bataloj kaj kun ruĝaj kantoj », « unu granda rondo batalanta », k.c... Oni respektu almenaŭ tion, kion ĉiu Esperantisto rajtas konsideri kiel parton de sia koro.

*KOMPLETA ESPERANTA RIMVORTARO, de Maur. Jaumotte, Dua Eldono, Reviziita kaj kompletigita. Eldonita de Belga Esperanto-Instituto, K.S., Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno 1930; 70 Paĝoj, 12x17 cm. Prezo: fr. 10,—.*

Por tiuj, kiuj en momentoj de ega emocio, ne plu kapablas reteni la superfluon de siaj poeziaj impresoj, necesega libro, kiu helpos al ili enkanaligi en korektan klasikan formon, la sentojn destinitajn al la eternigo. La dua eldono, reviziita kaj kompletigita, nete kaj plaĉe prezentita, kontentigos ĉiun poeton, dum serĉo de la nekaptebla rimo.

*EUGENO ONEGIN de A.S. Puŝkin. Romano en versoj. El la rusa lingvo tradukis kaj komentis N.V. Nekrasov. Eldonis 1931 Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris, Leipzig, Moskva. 235 Paĝoj, 12x17 cm. Prezo: Fr. 25,50.*

La traduko de tiu ĉi verko de la rusa poeto Puŝkin, vivinta en la komenco de la pasinta jarcento, kompletigas la liston de la jam esperantigitaj produktoj de tiu aŭtoro. Tiel, Esperanto prezentas al la filologo, studanta tiun aŭtoron, kolekton de tradukoj faritaj de samlingvanoj de l'verkisto, kapablaj do, kapti kaj komprenigi eĉ la plej etan nuancon de la stilo. Kiu alia lingvo povus fieri posedi tian studmaterialon. La traduko estas arta kaj flua, kaj la libro, bele bindita, tre agrable aspektas.

*PRI LA PRONONCADO DE ESPERANTO de Krysta Ludw. Mondlingvo-Eldonejo, Katowice. 30 Paĝoj, 12x16 cm. Prezo: Sv. Fr. 0,40.*

La libreto donas tre interesajn rimarkojn celantajn atingi pli unuecan prononcadon de nia lingvo. Tiuj rimarkoj estas tre laŭdindaj kaj sekvindaj, ĉar la perfekteco devas esti alcelata, kvankam ni scias, ke ĝi neniam estos atingita. Perfekteco ne ekzistas sur nia mondo; nomu al mi la landon en kiu eĉ nur du personoj prononcas sian gepatran lingvon tute egale. Tamen, estas bone, ke ekzistu alcentriga movado, kontraŭ-batalanta la de-centrigan emon de la facilanimuloj. Nia esperantista popolo firmigu do la disciplinon, kvankam ĝenerale, rajto por plendi ne ekzistas. Ni intence diras: la popolo, ĉar ni tamen volas akcenti la fakton, ke ni ĝis nun ne konstatis gravajn diferencojn inter la prononcadoj de tiuj Esperantistoj, kiuj sin iom miksis en la internacian vivon. En Belgujo, ni uzas kiel modelon por la vokaloj, la muziknotan frazon: *re, mi, fa, sol,* kiu laŭ ĝenerala opinio servus bonege kiel unuecigilo facile universale adoptebla. Ni miras tamen pri tio, ke la aŭtoro ne atentigas pri la eraro tre ofte rimarkebla en Germanujo, ĉe Esperantistoj, kiuj ne jam aŭdis alilandanojn, nome la elparolado kiel muta e de la adverba finaĵo, do: *bele, forte, bedaŭrinde,* kiel en la germanaj vortoj: *Kirche, eine, Erde,* anstataŭ: *bèlè, fortè, bèdaŭrindè.* Tiu eraro, kvankam tute ne malhelpante la komprenon, tre ĝenas la aŭskultadon, ĉar ĝi konstante fortiras la atenton, kaj ridindigas la parolanton.

*OFICIALA JARLIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO 1931. — 19a jaro. Universala Esperanto Asocio, 1 Tour de l'Ile, Genève. Paĝoj 420, 12x16 cm.*

Se estas unu libro, kiu devus troviĝi en la manoj de ĉiuj Esperantistoj senescepte, estas la Jarlibro de U.E.A. Oni trovas ankoraŭ Esperantistojn, kiuj ne estas membroj de U.E.A. sed tio plej ofte devenas de la fakto, ke ili ne scias, ke U.E.A. ekzistas, aŭ ke ili ne konas la utilecon de tiu organizo. Ni neniam sufiĉe ofte povos paroli pri U.E.A. kaj klarigi ĝian celon. U.E.A. estas la internacia societo, kiu celas engrupigi individue ĉiujn Esperantistojn de la tuta mondo, por meti je ilia dispono, sian mirindan universalan organizaĵon de Delegitoj, kiuj funkcias kiel konsuloj de Esperanto en miloj da urboj, urbetoj kaj eĉ vilaĝoj de la tuta mondo. La adresoj de tiuj Delegitoj estas ĉiujare indikitaj en la « Oficiala jarlibro », kiun ĉiu membro ricevas senpage. Ni rememorigas, ke por Belgujo, la kotizo de Membro-Abonanto estas nur Fr. 40, enhavanta la abonon de la ĉiumonata revuo « Esperanto » kaj la ricevon de la « Jarlibro ». Pri U.E.A. ni devas diri : la servoj kaj la utiloj haveblaj, estas tiel grandegaj kompare al la eta kotizo, ke ĉiu Esperantisto devus senti la devon membriĝi al tiu societo, kiun mi nomas : « la spino de Esperanto ». Ju pli forte staros U.E.A. des pli rapide progresos nia lingvo. Se U.E.A. pereus, laboro de dekoj da jaroj perdiĝus. Koni Esperanton, kaj ne posedi la Adres-libron de la Delegitoj de U.E.A. estas kiel posedi telefonon sed ne la telefonnumer-libron. Ĉiu faru sian devon.

*FUNDAMENTO DE ANIMO de Onisabro Deguĉi. — 48 Paĝoj 13x18 cm. Esperantigis kaj eldonis Oomoto-Propaganda Oficejo, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo. Prezo: Sv. fr. 0,70.*

Per tiu ĉi broŝuro la ĉefo de la Oomoto-movado klarigas sufiĉe detale pri la homa spirito, postmorta vivo kaj la stato de la spirita mondo kiuj, laŭ li, restadis ĝis nun nekomprenebla granda enigmo ne nur por ordinaraj homoj, sed ankaŭ por kiaj ajn santuloj kaj filozofoj. Nia revuo ne estas la loko por analizi la doktrinon de tiu nova religia movado. Ni notas la praktikan uzon de Esperanto kaj laŭdu la tradukintojn pro ilia bona lingva laboro.

*KATALUNA ANTOLOGIO kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas. — Verko Rekompencita de la Esperantista Akademio. Dua eldono. 416 paĝoj, 15,50x22 cm. Eldonis 1931 : Editorial Ibérica, Barcelono. Prezo: Pes. 10,— plus 20 % por sendkostoj.*

Nian recenzon pri la unua eldono de tiu volumo ni konkludis, per la konstato, ke la eldonistoj tute ne transiris la limon de la vero, kiam ili anoncis « Monumenton ». Ni nur povas konfirmi tion ĉe la eliro de la dua eldono, pro kiu ni ree gratulas aŭtoron, presiston kaj eldoniston. Por la novaj Esperantistoj ni diru, ke la libro estas vera juvelo, modelo en sia speco. Ĝi donas ekzaktan bildon pri la kataluna literaturo, per la traduko de riĉa kolekto de prozaĵoj kaj poeziaĵoj. Per la antaŭparolo la leganto ekkonas la historion kaj disvolviĝon de la katalunaj lingvo kaj literaturo.

La eliro de tiu nova eldono plenigas mankon senteblan post la elĉerpiĝo de la unua preso. Multaj esperantistoj, kiuj havas bone provizitan bibliotekon, tamen ne posedas tiun lukse eldonitan volumon : ili ne hezitu kaj tuj mendu la libron, kies legado estos por ili vera ĝuo.

*HISTORIO DE KRISTO. — de Giovanni Papini. Esperantigita laŭ dezir-esprimo de l'aŭtoro. Paĝ. 575. 14x20 cm. Eldonejo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. (Italujo) 1931. Prezo Ital. Lir. 40.—.*

La traduko de la valora kaj ĉie konata verko de Papini, — kiu rerakontas en viglaj vortoj kaj trafaj bildoj la vivon de Kristo, — estas majstre farita de anonima samideano. Ni povas gratuli lin pri la plenumita laboro kaj esperas, ke ĝi atingu la celon, kiun li al si fiksis.

*JANE EYRE de Charlotte Bronte, el la angla lingvo tradukis H. J. Bulthuis. 493 Paĝ. 16x24 cm. 1931. Eldonis W. J. Thieme & Co Zutphen. Nederlando. Prezo: Broŝ. Fl. 5.25. tole bindita Fl. 5.90.*

Bona kaj flua traduko de la konata romano. La libro estas impona kaj pruvas la kuraĝon de tradukisto kaj eldonistoj. Ni deziru al ili multopan disvendon.

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.

# NOTU BONE

ke ĉiuj abonantoj de 1931

ricevos ankoraŭ

la de ni promesitan libron :

ĝi aperos je Novjaro

kaj estos dissendata tuj post eliro.

# KAJ NE FORGESU

JAM NUN REPAGI VIAN

KOTIZ-ABONON POR 1932

AL LA KASISTO DE VIA GRUPO

aŭ

*se vi estas izola abonanto*

AL LA POŜTĈEKO N-ro 1337.67 DE

# Belga Ligo Esperantista

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.
Gen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.
Kasisto: M. Jaumotte, Avenuo De Bruyn, 44, Antverpeno-Wilrijck.
Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van der Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Sekcio de B.L.E. — M. Van Wanseele.
ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUGO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BURSELO: Esperantista Brusela Grupo. — P. Kempeneers, F-ino Obozinski.
CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
CHENEE: « Grupo Esperantista » — F-ino L. Baiwir.
GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.
KORTRIJK: Grupo Esperantista.
LIEĜO: « *Lieĝa Soc. por la Propagando de Esperanto* ».
« Grupo Esperantista ». — Fern. Derigat.
LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.
LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.
LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.
MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.
SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.
SCLESSIN-LIEĜO: « Grupo Esperantista ». — René Dechesne.
THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.
VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.
Kandidatoj al la diplomo bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto ».
**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko: la grupoj volu sendi al nia Generala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.